# juna amiko

n-ro 75
95/4

Internacia Kvaronjara Lernejana Revuo en Esperanto




Desegnaĵo de Edward Allegre, aĝo 10
Carinna Dias, aĝo 9, Stacey Fowler, aĝo 9
Salvador Perez, aĝo 8
kaj Emmeline Vasquez, aĝo 9

ilei

Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj

Saluton kaj bonvenon al nia jubilea numero!

En la lastaj 23 jaroj aperis entute 75 numeroj!

Preparitaj de nur tri redaktoroj el tri naciecoj.

Du eldonistoj (HEA,ILEI) flegis la amikon.

Ege gravaj obstakloj malhelpis la eldonadon
Kaj tamen ĝi obstine travivis ĉiujn ŝanĝojn kaj novajn kondiĉojn kaj senpaŭze aperis.

Kreskis la ofteco de tri-foje ĝis kvar-foje jare en 1990; poste ŝanĝiĝis la amplekso; ĝi kreskis de 24 ĝis 36 paĝoj en 1993.
Vastiĝis la legantaro; antaŭe ĝi atingis lernantojn en trideko da landoj; kun apogo de ILEI, ĝi nun eniras pli ol 80 landojn.
Inaŭgure Kurucz Géza redaktis 24 numerojn tra 9 jaroj; Oldrich Kníchal transprenis kaj pretigis 14 numerojn tra 5 jaroj.
Numerojn 39 ĝis 75 – tridek ses entute – pretigis la nuna redaktoro tra naŭ jaroj.

Nia mondo ŝanĝiĝas ĉiam pli rapide! Do, *ŝanĝo* estas nia temo ĉi-numere!
Urĝas pensi, ĉu ĉiu ajn ŝanĝo aŭtomate egalas al progreso.
Memoru, ke ĉiu ŝanĝo, kiu helpas iun, verŝajne malhelpas iujn aliajn.
Eblas bonigi la mondon, sed nur per saĝaj, bone pripensitaj ŝanĝoj.
Regula diskuto kaj negocado inter la plej diversaj grupoj necesas.
Oni devas aŭskulti kaj respekti ĉies opinion kaj star-punkton.
*Juna amiko* ekzistas, por helpi al ni pli bone komuniki unu kun la alia!

*Jubilu kaj jubileu kun ni,*

*Stefan*

**Juna amiko**

aperas kvarfoje jare

**Abonprezoj por 1996**

*Tarif-grupo 1:*

| | 1 ekz | 2-9 | >10 |
|---|---|---|---|
| NLG | 19 | 15 | 10 |
| SEK | 85 | 65 | 45 |
| FRF | 55 | 45 | 30 |
| GBP | 7 | 5.5 | 4 |
| DEM | 17 | 13 | 9 |
| USD | 12 | 9 | 6 |

*Tarifo 2: Latinameriko*

| | | | |
|---|---|---|---|
| NLG | 9 | 7 | 5 |
| USD | 6 | 4.5 | 3 |

*Tarifo 3: Rusio, ktp.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| DEM | 6 | 4.5 | 3.5 |
| USD | 5 | 4 | 3 |
| NLG | 7 | 5.5 | 4 |
| HUF | 500 | 400 | 300 |
| IRPK | 7 | 5 | 4 |

*Tarifo 4: Najbaroj*

| | | | |
|---|---|---|---|
| DEM | 4.5 | 3.5 | 2.5 |
| USD | 3.5 | 3 | 2 |
| NLG | 5 | 4 | 3 |
| HUF | 350 | 300 | 200 |
| IRPK | 5 | 4 | 3 |

*Tarifo 5: Hungario*

| | | | |
|---|---|---|---|
| HUF | 300 | 240 | 180 |

***Hungara peranto:* Mónika Molnár, Ságvári u. 21, HU-9735 Csepreg. Pagilon ni sendos al abonantoj. OTP-konto 470-34874-9**

Se vi mendas pli ol 20 ekz. al unu adreso, petu eĉ pli grandan rabaton!

**Juna amiko, pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario**

ISSN 0230 1314

Kiom da junuloj en kiom da lernejoj en kiom da landoj kantos en la sama tago la ago-tagan kanton "*Sur la tero*"? Ĉu vi kunkantos? Sur paĝo sep vi povos legi kelkajn proponojn por la festado!






Kontribuaĵoj por la IĈLM-rubriko estas bonvenaj ĉe la redakcio de *Juna amiko* aŭ ĉe la suba IĈLM-adreso!

Fotoj kaj desegnaĵoj (nigra-blankaj prefere), bonvenas kun viaj tekstoj!

**Rigardu la du bildojn. Inter ili vi trovos kelkajn ŝanĝojn. Nome, iu (eble la fantoma stampisto!) venis kaj forprenis kelkajn objektojn. Nomu la objektojn, kiuj malaperis. Kalkulu ilin! Por kio oni uzas tiujn objektojn? Kial la fantoma stampisto forprenis ilin? Skribu al li leteron kaj petu, ke li redonu ilin!**

Sendis Aurelia Sokól (v.p. 26)



Skribu al:
Infanoj
Ĉirkaŭ
La
Mondo:

IĈLM,
3876
Belmont
Avenue,
San Diego
CA 92116
Usono



# Sorĉistino, ne-sufiĉe aĉa!

Foje, ĉu okazis, ĉu ne okazis, sed princo vidis sorĉistinon. La princo faris rano-blekon kaj malbele ridis. La sorĉistino aŭdis tion kaj ekestis kolera:

**Vi aĉa princo, vi mokas min! Mi sorĉos vin!**
*Kion vi faros? Mi ne komprenas.*
**Vi rano-blekis! Mi ŝanĝos vin al rano!**
*Al kio vi ŝanĝos min?*
**Al rano! Mi ranigos vin!**
*Kion vi faros al mi? Mi ne komprenas.*
**Mi ranigos vin! Mi igos vin rano!!**
*Mi ne komprenas. Kio okazos al mi?*
**Vi raniĝos. Vi iĝos rano! Vi ek-estos rano!!**
*Ankoraŭ mi ne komprenas.*
**Ho, vi estas stulta. Tro stulta por princo. Vi estas fakte stulta kiel rano. Jen trafa puno por vi — pli bone vi ekestu rano!**




La sorĉistino ĵetis la sorĉon:—



*Bonege, koran dankon! BREK! BREK! BREK! Denove, rano!*



**<u>Denove</u> rano!? Mi ne komprenas.**
*Mi vere <u>estas</u> rano! Pli ĝuste, mi estis rano, sed aĉega sorĉisto transformis min al princo.*
**Kial aĉega sorĉisto faru al vi tiun favoron?**
*Ĉar mi ne ŝatas esti princo. Mi preferas esti rano! Dankon, dankon, vi estas <u>bona</u> aĉa sorĉistino!*

Kaj la rano rapide forsaltis kaj malaperis, antaŭ ol la aĉa sorĉistino povis prepari novan sorĉon!

*Rakonto: smg. Bildoj: Pavel Rak*

# LA TRI FRATINOJ

**(Liĥtenŝtejna fablo)**

Iam tri fratinoj en la festo-tago "Nia Kara Sinjorino" ascendis el la valo al la alpoj por tie pluki berojn. El la valo la festo-taga sonorilado sonis ĝis la montaraj altoj kaj de supre la knabinoj vidis la homojn iri al la preĝejo. Unu el la fratinoj komencis timeti pro la peko kontraŭ la sankta tago, sed la aliaj kvietigis ŝin dirante: "Lasu sonori la sonorilojn kaj kanti la homojn. Ni reiros, nur kiam la korboj estos plenaj." Kaj tiel ili faris. Kiam vespere la suno subiris kaj la knabinoj gaje ekmarŝis valen, subite bela virino staris antaŭ ili kaj petis kelkajn fruktojn por malsata infano. La fratinoj respondis: "Ni ne plukis por disdonaci ilin, tute ne! Kiu berojn deziras, tiu pluku mem."

Jen, en ĉiela aŭreolo la virino montriĝis Nia Kara Sinjorino kaj diris: "Vi malhonorigis mian festo-tagon kaj rifuzis mian peton. Viaj koroj estas ŝtonaj. Tial vi ŝtoniĝu plene. Kiel rokoj vi staru eterne en tiu ĉi loko." Ŝi ŝanĝis ilin al ŝtono.

De tiam tri rokoj alte leviĝas super la Rejna valo, jam longe de malproksime videblaj. La popolo donis al ili la nomon "La tri fratinoj".

*Rita RÖSSLER* ***adaptis la fablon al Esperanto***



Gaston Houssou, Benino:

# TAGO DE INFANOJ - TAGO DE AMIKECO

La 30an de aŭgusto 1995 en mia kvartalo de Cotonou "Menontin", en la kolegio "Martin Luther King", okazis la Tago de Amikeco kun la infan-klubo de Esperanto, kiu nomiĝas: "La verdaj geknaboj".

Mi aranĝis la tagon por amuzi la infanojn dum la ferioj. Vere, estis tre agrable. Kun forta volo oni povas fari multon per simplaj rimedoj. Sole per bombonoj, biskvitoj kaj fotoj mi ĝojigis la infanojn, kiuj ridadis tiom, ke ili altiris la atenton de la najbaraj plenkreskuloj. Ili proksimiĝis kaj demandis la kialon.

Teatraĵeto estis farita de Bokpe Angele kaj Goussi Nicolas (komencantoj en mia grupo de la Universitato) kaj mi mem. Mi invitis Codjo Jean kaj Zinkpe Benoît, spertaj esperantistoj, kiuj volonte ĉeestis la Tagon de Amikeco. En la fino de la tago ni aranĝis ekzamenon. La demando estis simpla: kiu povas diri multajn vortojn en Esperanto? Codjo Jean disdonis al dudek infanoj lernilojn, kiel krajonojn, skribilojn, gumojn kaj liniilojn.La celo estis fari ion amuzan dum la ferioj por havi okazon paroli pri Esperanto, ĉar mia grupo de la Universitato estis en ferioj. Nu, infanoj interesiĝas pri amuzo. Do mi preparis la festeton, kiu finfine estis granda sukceso. Vidu la foton apude.

Se iu ajn interesiĝas pri tiu agado kaj volas nin subteni, se esperantistoj en la tuta mondo pensas pri la estonteco de tiuj infanoj de "La verdaj geknaboj", tiam sendu donacon aŭ donaceton, ludaĵojn, esperantaĵojn, lernilojn, ktp al

*HOUSSOU Gaston, B.P.163, Cotonou, Benino.*

**Rol-ludo : Ni ŝanĝu la donacon!**

**Vi estas familio kun tri gefratoj! Disdonu la rolojn kaj decidu viajn nomojn. Por Kristnasko, via avino donacis al vi tri tute samajn puloverojn, krom tio, ke sur ĉiu aperas la komenc-litero de via nomo. Via avino estas ege kara, sed ŝi ne havas bonan memoron. Ŝi miksas viajn nomojn. Do, ĉiu pulovero estas tro granda aŭ malgranda por la ge-frato, kies litero aperas sur ĝi. Ĉiuokaze, neniu ge-frato volas publike aperi en tia pulovero kun litero! Avino skribis, ke se ne taŭgas la donaco, oni rajtas reiri al la butiko kaj ŝanĝi ĝin por io pli taŭga, sed nur por unu komuna donaco! Kiu estu la donaco? Ĉiu rolulo serĉu siajn instrukciojn, la unua sur paĝo 9, la dua sur 19, la tria sur 29. Poste vi antaŭ la grupo diskutu, ĝis vi decidos kion preni komune kaj interŝanĝe por la tri puloveroj.**



# AGO-TAGO por INFANOJ

Jen nova okazo por festi. La Ago-Tago estos merkredo la 21a de februaro, 1996, kiu estas la komenco de la Semajno de Internacia Amikeco, kiam delonge esperantistoj interŝanĝas salutojn. Provu festi en la 21a, sed se pli konvenas, elektu alian tagon en tiu semajno.

- Ekzercu la kanton *Sur la tero*, kiu aperas sur nia kovrilo. Vi povas kanti ĝin rondele, tio estas, kiel grupa kanto. Dividu vian klason en 2, 3 aŭ 4 grupojn. La dua (kaj ĉiu posta) ekkantu de la komenco, kiam la antaŭa grupo atingas la duan linion. Iu decidu, kiam ĉesi!
- Instruu la kanton al aliaj ne-esp-istaj grupoj. Skribu grande la tekston kaj donu bonan prononc-modelon — atentu pri la *ĝ* en *loĝas*.
- Skribu salutojn kun desegnaĵoj kaj sendu ilin al ekzistantaj aŭ novaj korespond-grupoj eksterlande. Eble sendu son- aŭ vid-bendon de viaj salutoj, lecionoj, ludoj kaj kantoj.
- Invitu ĵurnaliston aŭskulti la kantadon kaj foti aŭ filmi la grupon kune kun viaj ricevitaj poŝtkartoj, leteroj kaj desegnaĵoj.

Sendu raporton, eble kun foto, al la IĈLM-rubriko en *Juna amiko*.

# Boatpleno da bruemaj lernantoj

La Esperanto-Junularo Brandenburgio/Berlino organizis kun 30 infanoj, inter 7- kaj 12-jaraĝaj, en aprilo 1995 la 8an fojon "ferioj kaj Esperanto". Dum tuta semajno oni povis en la turisma stacio en Lugaŭ ĉe Finsterwalde aŭdi la bruegon, kiun faris la grupo. Tamen: dum minimume tri horoj tage estis kvieto. Tiam niaj etuloj strebis en E-kursoj por komencantoj aŭ progresantoj.

Silento regis la domon, se pro la programa temo ni estis survoje laŭ la "spuroj de aliaj popoloj". Ni vojaĝis al la lando de la soraboj, boatis en la Spreewald al la etnologia muzeo; migradis al Kirchhain por ekscii ion pri la mez-epoka teknologio pri farado de blanka ledo; piedmarŝis al Doberlug, por rigardi instrumentojn kaj mezurilojn en meterologia stacio; serĉis dolĉan trezoron; havis noktan migradon kaj lignan fajron... Unu el la kulminoj certe estis nia "ekzameno", kies sukceso garantiis la ricevon de la "krokodila diplomo" (kiun kompreneble akiris ĉiuj niaj kursanoj).

Kelkaj el la infanoj jam ĉeestis la trian aŭ kvaran fojon niajn feriajn kursojn. La etuloj venas el la tuta lando Brandenburgio. Helpe de lokaj aŭ regionaj ŝtataj oficejoj pri junulara agado jam ekde tri jaroj lernejoj aŭ gepatroj, kiuj serĉas eblecon por siaj idoj, ie pasigi senco-plene la feriojn, estas informitaj pri niaj aranĝoj.

La 9a "ferioj kaj Esperanto" okazis de la 14a de julio ĝis la 6a de aŭgusto 1995 en Belorusio, proksime de Minsko. Aliĝiloj kaj informiloj pri estontaj aranĝoj haveblas ĉe: Esperanto-Junularo Brandenburgio Berlino, Berliner Str. 49, DE-14467 Potsdam, tel.: 0331/294003 aŭ tel./fakso: 030/2834320.

**Sur la apuda foto videblas niaj etuloj boatante en la Spreewald, la regiono de la soraboj, kie oni ĉion nur per boato atingas.**

## Rol-ludo (1): Ni ŝanĝu la donacon!

**Vi estas la unua frat(in)o. Vi volas ŝanĝi la puloverojn por biciklo. Vi tre ŝatas esplori la stratojn kaj vojetojn ĉirkaŭ via domo. Ekzercado estas saniga! Unu biciklo sufiĉas, ĉar ĉiu ge-frato povas laŭvice uzi ĝin. Tio aspektas justa ideo — krom la fakto ke unu ge-frato ne ŝatas ekzerci kaj sporti, kaj la alia ne bone vidas — do plej verŝajne la biciklo estos libera por vi! Vi ŝatas ludi ekster la domo, ne interne. Vi havas alergion kontraŭ bestaj haroj: apud katoj kaj hundoj vi multe tusas kaj ternas.**

# Ĝoja renkontiĝo — sed kiom ili ŝanĝiĝis!

*Ni estas en universitata renkontiĝo por eks-studentoj. Du mez-aĝuloj pasas unu la alian. La sinjorino haltas, rigardas la viron zorge kaj krias:*

**Sinjorino:** Ho, saluton! Nekredeble! Ĉu vere vi? Jes, certe! Kiom bele vidi vin denove!
**Sinjoro:** Kia surprizo! Kiel vi fartas? Ho, post tiom da jaroj...
**Sinjorino:** Jes, pasis certe pli ol dudek jaroj, ĉu ne?
**Sinjoro:** Almenaŭ dudek. Eble eĉ dudek kvin.
**Sinjorino:** Vi ŝanĝiĝis. Multe. Sed bona ŝanĝo. Vi aspektas bone.
**Sinjoro:** Dankon. Ankaŭ vi ŝanĝiĝis. Sed vi restas vigla kaj juneca. Nur en la paso de la jaroj via beleco maturiĝis.
**Sinjorino:** Ho, dankon. Jes, vi estis tiom senzorga kaj ribelema. Mi memoras vian ne-kombitan flavan hararon blovi en la vento... fakte, via nuna nigra hararo donas al vi dignan aspekton. Vi estis tiom alta, mi tiom ŝatis rigardi supren al vi ... fakte nun ni estas samaltaj...
**Sinjoro:** Jes, vi estas pli alta ol mi memoras vin, kaj eĉ pli svelta.
**Sinjorino:** Kaj vi jam ne plu bezonas okulvitrojn. Ĉu vi uzas lensojn?
**Sinjoro:** Lensojn? Ne. Kaj vi ŝanĝis la koloron de via hararo! Mi memoras ĝin nigra kaj mallonga, nun estas ruf-ruĝa kaj longa.
**Sinjorino:** Ho, kial ni ne restis en kontakto? Mi intencis skribi...
**Sinjoro:** Kaj mi intencis telefoni, aŭ viziti vin... sed, sed...
**Sinjorino:** Same, sed tiom da taskoj... respondecoj...

### Renkontiĝaj vort-klarigoj

vigla: energi-plena
maturiĝi: progresi, finkreski
ribelema: ne-respekta al reguloj
ne-kombita: kiun oni ne kombis
digna: deca, aŭtoritata, impona
svelta: alloge maldika
lenso: helpilo por pli bone vidi
ruf-ruĝa: oranĝ-ruĝa
advokato: laboranto en kortumo
noto: ekzamena rezulto
neniam: en neniu tempo




**Sinjoro:** Kaj kio okazis al vi? Kian laboron vi havas? Kaj familion?
**Sinjorino:** Mi estas nuklea fizikisto ĉe la Ministerio pri Energio.
**Sinjoro:** Fizikisto? Strange, vi studis mezepokan francan poezion...

**Sinjorino:** Kaj mi havas edzon kun tri infanoj. Kaj ĉu vi nun estas fama advokato aŭ eĉ juĝisto?
**Sinjoro:** Juĝisto? Mi? Tute ne! Mi estas aŭtomobil-vendisto.
**Sinjorino:** Sed en la jura fakultato vi havis la plej bonajn notojn...
**Sinjoro:** Jura fakultato? Neniam mi studis tie. Neniam mi studis. Mi estis la gardisto de la universitata aŭto-parkejo!
**Sinjorino:** Kio? Ĉu vi ne estas Jenar Gument? El Belurb?
**Sinjoro:** Tute ne. Mi estas Lasti Ril! El Koturb. Sed vi certe estas Rava Lavers...
**Sinjorino:** Tute ne. Mi nomiĝas Perla Tomamas.
**Sinjoro:** Ho, bedaŭrinde. Preskaŭ estis tiom ĝoja renkontiĝo! *smg*

**Vortoj kun simila aŭ sama signifo al *ŝanĝi*: amendi (...regulon), adapti (...planon), transformi, modifi, aliigi, aliformigi, metamorfozi, reformi, ĝustigi, rebonigi, perfektigi (... ion.)**
**Vortoj kun simila aŭ sama signifo al *ŝanĝiĝi*: progresi, evolui.**

# Ŝanĝo-paroj por reordigi

Ligu la komencojn kaj finojn de la frazoj! Ĉiu priskribas ŝanĝon:

| | |
|---|---|
| 1. Kiam libera estas la vojo, trafiklumo... | ...li ŝanĝiĝas al rano. |
| 2. Kiam peono atingas la okan vicon... | ...ĝi ŝanĝiĝas al papilio. |
| 3. Kiam akvo bolas... | ...ĝi ŝanĝiĝis al kukurbo. |
| 4. Kiam glacio fandiĝas... | ...ili ŝanĝiĝis al blankaj musoj. |
| 5. Kiam raŭpo plenkreskas... | ...ŝanĝiĝas de ruĝo al verdo. |
| 6. Kiam oni rafinas oleon... | ...ĝi ŝanĝiĝis al oro. |
| 7. Se blua lakmus-papero tuŝas acidon... | li ŝanĝiĝis al monstra s-ro Hyde. |
| 8. Je noktomezo la blankaj ĉevaloj... | ...ĝi ŝanĝiĝas al reĝino. |
| 9. Je noktomezo la luksa kaleŝo... | ...ŝanĝiĝas la etoso. |
| 10. Kiam Reĝo Midas tuŝis ion ajn... | ĝi estas ŝanĝita al benzino ktp. |
| 11. Kiam kameleono iras al alia loko... | ...ĝi ŝanĝiĝas al akvo. |
| 12. Kiam D-ro Jekyll trinkis likvaĵon... | ...ĝia koloro ŝanĝiĝas al roz-ruĝa. |
| 13. Kiam la sorĉistino sorĉis princon... | ...ĝi ŝanĝiĝis al vaporo. |
| 14. Kiam instruisto forlasas klasĉambron... | ...ĝia koloro ŝanĝiĝas por simili al la nova fono. |

*Sendu viajn respondojn al ni ĝis la 31a de marto 1996 por gajni premiojn!*

# Kial katoj kaj musoj estas malamikoj?

**Ne ĉiam estis tiel. Sed okazis iam ŝanĝo. La sekva rakonto el Afriko klarigas, kial okazis tiu granda ŝanĝo:**

Iam vivis du amikoj — kato kaj muso. Ili ambaŭ loĝis en vilaĝo apud rivero. Ilia ĉefa laboro estis fiŝ-kaptado. Unu tagon, ili kune aranĝis viziton al alia vilaĝo. Ĉar ili loĝis apud rivero, ilia transportilo estos boateto. Ili preparis manĝaĵojn kaj trink-akvon.

La vojaĝo devis daŭri dum unu semajno, sed survoje la vetero estis malbona kaj leviĝis fortaj ondoj. Pro tio la vojaĝo daŭris dum du semajnoj kaj subite ne plu restis manĝaĵoj. Ili malsatis. La muso proponis, ke ili manĝu kelkajn el la lignaj traboj de la boato. Ĝi timis morti pro malsato. Sed la kato malkonsentis. Ĝi timis, ke se ili manĝus parton de la boato, akvo envenus.

Normale, la kato dormis ĉiutage. Tiam, la malsata muso manĝis pecon el trabo de la boato. Post kelkaj horoj la kato vekiĝis kaj subite vidis la truon, la detruitan boaton kaj la akvon, kiu enfluas. La kato kolere demandis: "Kial vi manĝis la boaton?" La muso ne respondis. Do, la kato decidis puni la muson — kaj la puno estos la morto. La kato mortigis la muson kaj finis la vojaĝon sola.

Ĉe la kajo gastigantoj — multaj el ili musoj — atendis por bonvenigi la katon kaj ĝian 'amikon', la muso. La musoj miris, kiam la kato aperis sola. "Ho, la muso esperis veni kun mi, sed li devis prokrasti la ek-iron kaj mi decidis vojaĝi sola." klarigis la kato.

Sed la musoj ne kredis tiun klarigon. Ili baldaŭ malkovris, ke la kato mensogis. Ili kredis, ke la kato mortigis la muson. Pro tio, ekde tiu momento, la rilato inter katoj kaj musoj ŝanĝiĝis. La amikeco finiĝis, kaj tial katoj kaj musoj nun estas malamikoj.

*Alloyce Ambrosse Magali*
*Dar es Salaam, Tanzanio.*



### Vortklarigoj

detrui: malkonstrui.
gastiganto: tiu, kiu akceptas kaj donas loĝ-lokon al iu
trabo: plata peco
miri: esti surprizita
malkovri: eltrovi
mensogi: diri mal-veron.

Geometria ŝanĝo:

E. Pain

# TRIANGULO KAJ KVADRATO



Foje vivis kun la frat'
Triangulo, li Kvadrat'.
El la du, Kvadrat' pli aĝis,
tre bonkoris, ege saĝis.

La pli juna Triangul'
estis vera grumbl-em-ul'.
Diris jen Kvadrato: 'Kara,
kial ĉi humor' amara?'

Estis la respondo-kri':
'Vi pli larĝas kaj pli ravas —
havas mi angulojn tri, —
vi ja kvar angulojn havas!'

Kaj Kvadrat' respondas: Frat'
do pliaĝas la Kvadrat'!
Kredu: vanas la envi'
eblas, – pli utilas vi!'

Sed meznokte al la frato
Triangul' ŝtel-rampas, por
al la frat' sen la kompato
la angulojn tranĉi for!

Forirante diris: – 'Restu
en bon-dorm' post mia pun'
ne kvadrata, bela - estu
sen anguloj vi de nun!'

Sed matene Triangul'
estis en konsterna brul'!
Ĉar – forestis la Kvadrato, —
nun anstataŭ — kia mok'! —
Havis post la venĝ' la frato
la angulojn novajn ok! . .

Tradukis N. Malanov
el: *Amuza Matematiko por Gelernantoj*, Budapesto 1984

Inteligenteca ŝanĝo:

## POMKERNOJ

Sur parka benko sidas viro kaj manĝas kernojn de pomo. Lia najbaro rigardas lin kaj fine demandas lin: "Por kio utilas pomkernoj?"

"Ili akcelas la inteligentecon."

"Ĉu fakte? "

"Vi ja povas provi. Mi vendos al vi kelkajn je prezo de kvin markoj."

Post tio, la viro pagas tiun ĉi sumon, li maĉas la kernojn kaj post iom da tempo li diras indignite: "Vi ja trompis min, por kvin markoj mi povas aĉeti kelkajn kilogramojn da pomoj!"

"Jen, vidu, jam efikas!"

*sendis Nora Caragea, Germanio.*

# Adiciaj enigm(et)(eg)oj

Niaj enigmoj komenciĝas per unu litero. Aldonu unu literon. Jam vi formis vorton. Por trovi ĉiun postan vorton, aldonu unu literon kaj reordigu la ceterajn. Iuj vortoj rilatas al nia temo.

Ĉi-foje ni donas enigmeton kaj enigmegon. Belan amuzon!

R = uzu radikon.

1. □
2. □□
3. □□□
4. □□□□
5. □□□□□

1. La adjektiva finaĵo
2. Kiomlonge vivis aŭ ekzistis io. (R)
3. Apartenanta al ne-homo.
4. Iri tra akvo per propra forto.
5. Esti ne plu kiel antaŭe.

## Puzlo-angulo!

1. □
2. □□
3. □□□
4. □□□□
5. □□□□□
6. □□□□□□
7. □□□□□□□
8. □□□□□□□□
9. □□□□□□□□□
10. □□□□□□□□□□

1. La substantiva finaĵo.
2. Valora flava metalo (R)
3. Movo for de ĉi tie al pli fora loko.
4. Kiel nordia diabla monstro.
5. Ronda fingro-ornamaĵo.
6. Ne-atentante.
7. Eta peco de arbo-trunko.
8. Kredo-sistemon.
9. Mal-sklavigon.
10. Denova pozitiva ŝanĝo (R).

## Laŭ-litera ŝanĝo



Jes, ŝanĝoj okazas en la cerbo. Sed via tasko estas komenci de la vorto ***ŝanĝo***, kaj ŝanĝi unu literon por formi novan vorton. Per ses tiaj ŝanĝoj, ĉiam formante novan vorton, vi devas atingi la vorton ***cerbo***. Se vi sukcesos en kvin aŭ kvar, certe vi gajnos premion! Se vi sukcesos en ses, vi eniros loterion por eble gajni!

## CIT-INCITO!

**Respondo el p.7 de n-ro 95/3:**

**"Kiu kapablas, faras,**
**kiu ne kapablas — instruas"**

**diris moke George Bernard Shaw.**

***Kaj nun, pri nia nuna temo, kiu verkis jene?***

**Donu al mi la forton ŝanĝi, kio ŝanĝeblas,**
**la paciencon elteni tion, kion mi ne kapablas ŝanĝi,**
**kaj la saĝon distingi inter la du.**

**Respondo en la sekva numero.**

# Jubilea Tabula Ludo ŜANĜU!

Ni proponas jubilean tabulan ludon kun 75 lokoj — unu por ĉiu aperinta numero de nia revuo!

Vi bezonos ĵet-kubon kaj markilon por ĉiu ludanto. Decidu, kiu komencu. Kiu finas vicon ĉe kolora loko, devas obei la instrukcion tie. Preparu serion da kartoj kun instrukcioj, kiuj kuŝu en miksita stako vizaĝ-sube. Kiu finas vicon ĉe loko 'karto' devas preni la supran karton kaj obei ĝian instrukcion. Poste, remetu la karton sube en la stako. Gajnas la unua ludanto, kiu atingos aŭ pasos kvadraton 75.

Jen kvin sugestoj por kartaj instrukcioj. Kopiu ilin sur karton-pecojn. Verku mem en la grupo pliajn lertajn kaj amuzajn karto-tekstojn!

**Jen bild-ŝerco pri la temoj de la antaŭa kaj nuna numeroj:**



Antaŭe mi estis instruisto, sed mi devis ŝanĝi mian profesion. Mi ne povis elteni la nervo-streĉon!

**Ŝanĝiĝu al raketo; tuj ĵetu la kubon kaj pluiru la duoblon de ĝiaj poentoj.**

**Ŝanĝiĝu al heliko; en via venonta vico duonigu viajn poentojn (forprenu duon-poentojn.)**

**Estas via naskiĝ-tago, ĉiu alia ludanto reiru ses paŝojn (kaj obeu instrukcion, se trafita).**

**Ŝanĝu lokon kun la plej proksima ludanto (mal-)antaŭ vi.** *(Du kartoj)*

**Ŝanĝiĝu al pulo. Saltu al la kvadrato tuj super via nuna. (Se la nuna estas 47, batu la kapon sur la ludo-rando kaj refalu al 42!)**

# ŜANĜU!

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 47 karto | 48 | 49 Ŝanĝiĝu al tuno da brikoj kaj falu al 3. | 50 | 51 | | 71 Ŝanĝu direkton. Ĵetu la kubon tuj kaj reiru tiom da poentoj. | 72 | 73 Ŝanĝiĝu al rano. Saltu al 69; prenu karton. | 74 | 75 fino |
| 46 | 55 | 54 | 53 karto | 52 | | 70 | 69 karto | 68 | 67 Se vi estas la plej juna ludanto, iru al 74, alie iru al 64. | 66 |
| 45 Ŝanĝiĝu al ŝtono. Maltrafu unu vicon. | 56 | 57 | 58 Ŝanĝiĝu al kanguruo. Saltu al 70. | 59 | 60 | 61 | 62 | 63 | 64 | 65 Ŝanĝu lokon kun la plej malantaŭa ludanto. |
| 44 | 43 karto | 42 | 41 | 40 Ŝanĝu lokon kun la plej antaŭa ludanto. | 39 | 38 | 37 | 36 karto | 35 | 34 |
| 23 | 24 | 25 | 26 Ŝanĝiĝu al serpento. Reglitu al 19. | 27 | 28 | 29 | 30 Ŝanĝu lokon kun la plej juna ludanto. | 31 | 32 | 33 |
| 22 | 21 Ŝanĝu lokon kun la plej aĝa ludanto. | 20 | 19 | 18 karto | 17 | 16 Ŝanĝiĝu al trajno kaj pluiru al 29. | 15 | 14 | 13 | 12 Ŝanĝu lokon kun via dekstra najbaro. |
| 1 ek! | 2 | 3 | 4 Ŝanĝu lokon kun via maldekstra najbaro. | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 karto | 10 | 11 |

# La Pingveno

Havis mi pingvenon
kaj mi nomis ŝin Maria
kvankam kaŝis sub
plumaro sin
struktur' anatomia

sed ŝi loge svingis, kiel in',
la koksojn dum promeno
kaj okupis la banejon ŝi
dum tuta la mateno

Ankaŭ plankon, en komenco,
ŝi purigis (voste)
kaj kuiris, ĉefe fiŝojn —
tre bonguste – iom oste

sed poste ŝin al domlaboro
mi instigis vane.
Kun koktelo ĉe la beko
ŝi rigardis min rikane

kaj decidis mi finfine
ke pli estas ol sufiĉo.
Iru ŝi al bestĝardeno
ĉesu mia malfeliĉo

nu – post ploro, al fridujo
la pingveno fuĝis krie
kaj pri suda glacilando
kantis ŝi melankolie

ĝuste tiam preterpasis
reĝisoro (estis ruso)
de nova rok-opero
pri malkovro de poluso

kaj vi certe jam divenis —
li pri voĉ' pingvena miris
kaj tuj la ĉefrolon de l'opero
ŝi akiris

De Moskvo al Novjorko
ŝia stilo ege plaĉis.
Baldaŭ pri pingven' Maria
la tuta mondo klaĉis

Aperis ŝi en filmoj
kun *Madonna* kaj *Tom Cruise*-o
kaj skandalojn partoprenis
pri amantoj kaj ĵaluzo

Al tagmanĝo ŝin invitis
kaj reĝin' kaj prezidento
ŝi fervoris pri konservo
de la glacikontinento

En ŝia luksa hejmo
en sudkalifornio
iu foje intervjuas ŝin
pri vivo aŭ alio

La paroloj,televide, elsendiĝas
kaj se vi
dum spektado tre atentas
foje ekaperas mi

Kiel stranga estas Sorto
kiu niajn vivojn stiras —
nuntempe mi ĉe ŝi
purigas plankon kaj kuiras

Havis mi pingvenon
sed vi vidas, ĉe la fin'
pli vere estas diri,
ke pingveno
havas min !



*Majk Sadler*



# KION ONI ŜANĜAS?

La trajno forlasis Moskvon. Ĝi celas Vladivostokon. Post kvar tagoj ĝi atingis la tundron de Siberio. Neĝo falis. Neniu urbo plu videblis, neniu vilaĝo, neniu domo, neniu arbo — eĉ neniu *McDonald's*. Nur vasta ebena blanka kamparo.

Fine de la posttagmezo, la trajno haltis. Post duona horo, pasaĝero lukte malfermis fenestron kaj elmetis sian kapon en la malvarmon. Videblis neniu stacidomo — nenio. La trajno haltis en plena izolita kamparo. La pasaĝero fermis la fenestron kaj ek-ludis ŝakon kun la najbaro.

Post kvar horoj jam mallumiĝis, kaj la trajno ankoraŭ staris. La pasaĝero luktis denove, malfermis fenestron, kaj vidis fervojiston kun lanterno, kiu preterpaŝis apud la vagono.

"Hej! Kial ni haltis en ĉi tiu malbenita loko?" li kriis tra la mallumo.

"Paciencon!" respondis la fervojisto: "Ni ŝanĝas la lokomotivon!" Post ok horoj la pasaĝero jam perdis dudek ok ŝak-ludojn. La trajno ankoraŭ restis senmova. Al la fenestro. Lukto. Jen denove la lanterno de la fervojisto videbla. "Hej! Vi! Kial ni restas ankoraŭ?"

"Paciencon! Mi jam diris al vi; ni ŝanĝas la lokomotivon!" Je sun-leviĝo, la pasaĝero jam perdis naŭdek tri ŝak-ludojn, kaj same la paciencon perdis. Fenestro. Lukto. Fervojisto preterpasis iom ŝancele, lumigita de la nov-tagaj sun-radioj. Pasaĝero kolere: "Hej! Ni staras ĉi tie jam dum pli ol dek du horoj! Ĉu vi ankoraŭ ŝanĝas la lokomotivon?"

"Ho, ne. Jam delonge ni faris tion."

"Do, kial ni ne ekiras?"

"Ĉar ni ŝanĝis ĝin ... kontraŭ vodko!"

*smg*

tundro: malvarma senarba plata loko
izolita: longe for de ĉiu alia
malbenita: kiun oni malŝatas
lukto: batalo, forto-streĉo.
ŝancele: malrekte, zig-zage.

La supra rakonto dependas je la vasta signifo de la verbo 'ŝanĝi' en Esperanto. En kelkaj lingvoj ĝi havas same vastan signifon, en aliaj ne. Ĉu vi povas bone traduki tiun ŝercon en vian lingvon?

## Rol-ludo (2): Ni ŝanĝu la donacon!

**Vi estas la dua frat(in)o. Vi vidis bonegan novan komputilan ludon, kiu kostas ĝuste dudek dolarojn. Ĝi estu la donaco! Vi ne ŝatas sporti, vi restas interne de la domo – la najbaraj hundoj ĉiam ĝenas vin.**

## La granda plago pro la ŝtelita litero

En fora lando, en la lando de la Escepta Feino, vivis antaŭ multaj, multaj jaroj hirundo. Pri hirundoj ja estas konate, ke ili montras, kiam ŝanĝiĝos la vetero. Vi certe scias, ke alte flugantaj hirundoj anoncas belegan veteron, malalte flugantaj aĉan.

Nia hirundo estis tre akurata kaj neniam eraris. Krome ĝi estis tre ĝentila, bonkora, afabla kaj modesta — do, taŭga por nia rakonteto kiel pozitiva heroino. Pro tio je iu belega tago la Escepta Feino al la bonulino donis la kapablon, mirakle ŝanĝi sin al aliaj korpoj, ŝajnigante esti alia besto. Ho, tio plaĉis al nia birdeto.

Foje ĝi aperis kiel pulo, foje kiel hundo, eĉ kamelo kaj fiŝo ĝi iĝis. Kiel najtingalo ĝi kapablis kanti, kuri kiel antilopo, salti kiel kanguruo, kraĉi kiel lamo, naĝi kvazaŭ baleno. La kontraŭ-ulino de la Escepta Feino, la aĉa sorĉistino Ragana, tagojn kaj noktojn cerbumadis, kiel domaĝi kaj al la birdo kaj al la Escepta Feino.

Ŝi vidis la elegante flugantan hirundon. Aĥ, kia aroganta, fia birdo! Kiel vante ĝi ŝvebis tra la aero — neniam Ragana tion kapablus sur balailo. Envie ŝi rigardis la favoratinon de la kontraŭulino. Fiaj malicaj pensoj travagis la aĉan cerbon. Subite ŝi havis ideon! Grandiozan ideon! Kial ne forŝteli la literon "**n**" el la hirundo, el la tuta alfabeto?! Simple malaperigi ĝin! Ŝanĝi la elegantan hirundon al naŭza hirudo?! Hihi... Tuj Ragana ekagis. Per kelkfoja "abra-kadabra-o" ŝi unue malaperigis el ĉiuj vortaroj, gazetoj, libroj — do, skribaĵoj — la literon "**n**". Poste ŝi ŝanĝis ĉiujn aĵojn sur la tero, kiuj havis la koncernan literon al aĵoj sen **n**-aj.

Ĉu vi povas imagi tion? Certe ne. Do, ŝanĝiĝis ekzemple *sango* al *sago*, kiu pike cirkulis en la korpoj; *langoj* iĝis *lagoj* kaj ŝprucis el la buŝoj, neniu plu povis paroli, la homoj ekde tiam nur skribe konversaciis; bildoj falis teren, ĉar anstataŭ fortaj *najloj* por teni ilin restis nur *ajloj*; ĉe la riveroj malaperis la *pontoj* kaj restis grandaj *potoj*, neuzeblaj por la homaro; *krankoj* ŝanĝiĝis al *krakoj* kaj maroj aperis sur kampoj, kie antaŭe kuŝis marno; la hirundoj iĝis hirudoj kaj la konkoj kokirikantaj kokoj en la lagoj kaj maroj... Jen nur kelkaj el la katastrofoj.

Granda ĥaoso regis en la ĉielo; ĉiuj dino-saŭroj subite kiel dio-saŭroj alvenis kaj volis esti akceptitaj kiel veraj dioj!

Kiam Ragana vidis, ke ŝi tre tikle agis eĉ kontraŭ la ĉielo, ekhavis la oldulino malbonan konsciencon. Sciante, ke por ĉagrenigi la Feinon ŝi trois, la sorĉistino klopodis redoni la ŝtelitan literon. Vane. Tio tute ne sukcesis. Kontraŭe. Kvazaŭ epidemio ĉie malaperis la "**n**".

Pro timo la sorĉistino ŝtoniĝis kaj neniam plu videblis. Feliĉe ni devas mencii, ke Ragana ĉion ŝanĝis nur sur la tero. La ĉielanoj havis problemojn nur kun la dikaj dio-saŭroj — sed tiuj fakte estis gigantaj problemoj.



Kriza kunsido okazis inter la ĉielaj kunvivantoj kaj la Escepta Feino. Oni invitis ankaŭ Raganan, sed tiu jam estis ŝtono kaj al neniu plu povis helpi au malhelpi. La aliaj sidis kaj cerbumis, cerbumis kaj sidis, sidis kaj cerbumis. Mankis ideoj. Sed ion oni devis entrepreni!

La plej bonan ideon finfine havis nia Escepta Feino. Ŝi proponis haltigi la tempon kaj ripari la domaĝon per remeto de la litero "**n**" en la vortojn, aĵojn.

Haltigi la tempon: kiu neniam tion faris, ne havas imagon pri la giganteco de tiu tasko! Oni devas ĉesigi la daŭran migradon de la suno kaj de aliaj ĉielaj korpoj, oni devas nuligi la kreskadon de plantoj kaj bestoj, oni devas malaperigi tagon kaj nokton, jaron kaj monaton, ah! — tiom multe oni devis atenti.

Poste oni reprenis la vortarojn, kiuj ankoraŭ ŝvebis en la ĉielo (ne forgesu, la miraklo ja nur sur la tero funkciis, do ĉielaj vortaroj ankoraŭ entenis la **n**-vortojn!), vokis la preskaŭ senesperajn filologojn donante al ili la taskon, remeti la "**n**" en ĉiujn aĵojn kaj ĉiujn vortojn, vivantaĵojn kaj restaĵojn... ĉien, kie ĝi mankis.

La lingvaj laboristoj diligente ekagis, ili relative jarojn bezonis, ĉion ordigante. (Sed kiel mezuri tempon, kiu ne forfluas? Estas iomete komplike fari ion, ne havante tempon, ĉar ja tempo simple ne ekzistis, do ĝi ne povis foriri, tamen io dume — ni forstreku la vorton dume! — okazis. Eble ni nomu tiun periodon, kiu estis ne dependanta de la tempo jene: eterna momento! Eĉ ankoraŭ hodiaŭ la filologoj miras pri tiu "etapo" kaj serĉas vorton por ĝi. Albert Einstein ankoraŭ ne konis tiun fenomenon, alikaze li neniam estus esplorinta la teorion de relativeco.)

*Vortklarigoj*
plago: malagrabla granda atako
ŝajnigante: donante la impreson pri io nevera
cerbumadi: pensi
fiulo: tre malbona persono
tikle agi: fari embarasajn malpermesatajn aferojn
ĥaoso: malordo
ĉagrenigi: kolerigi, ĝeni
epidemio: granda amas-malsano
ŝvebi: flosi, eble en aero
filologo: sciencisto, kiu studas pri vortoj




Do, la lingvistoj revenis post la eterna momento al la kunsido, raportante pri la sukceso. Laŭdante la dio-saŭroj retransformiĝis kaj *pum!* refoje staris sur la tero. La kokoj re-iĝis konkoj, la buŝoj malfermiĝis kaj la homoj nun montris fiere unu al la alia la langon...

La hirudoj iĝis hirundoj — kaj oni malpermesis al la Escepta Feino kromajn eksperimentojn riskajn.

Finfine tamen ĝojo, ĝojo sur tero, en ĉielo! Iel oni volis honori la laboron de la filologoj. Ili havis unu liberan deziron, kiun la ĉielanoj promesis plenumi.

Kara leganto, ĉu vi povas imagi, kion deziris la filologoj?

La akuzativan N-on!

*Sabine Trenner, Germanio*

---

Anonceto: Al ĉiuj amikoj de la mond-konata tabul-ludo Goo:

**Esperantista Go-Ligo Internacia (EGLI) invitas vin**

partopreni la 4an Internacian Korespondan Go-Turniron, organizota komence de 1996. Ĉiu bonvena. Informoj de: Matthias Reimann, Am Markt 20, DE-99755 Ellrich, Germanio; tel./fakso: +49 (0)36332-70246

**Kiel *ŝanĝi* la impreson, kiun vi donas al aliaj? Jen bona ekzemplo:**

**"Mi havis amikon, kiu volis aspekti pli riĉa ol li estis. Do, li prenis sian elektran pan-rostilon el la kuirejo, kaj metis ĝin flanke sub sia televidilo, por ke ĉiu kredu, ke li havas vidbend-aparaton!"**

# ŜANĜA KRUCENIGMO

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | 1 | 2 | 3 | 4 | | 5 | 6 |
| 7 | | | | | | 8 | |
| 9 | | | | 10 | | | |
| | | 11 | | | | | |
| 12 | | | | | | 13 | |
| | | 14 | | | | 15 | |
| | 16 | | | | 17 | | |
| 18 | | | | | 19 | | |
| | 20 | | 21 | 22 | | | 23 |
| 24 | | | | | | 25 | |

## HORIZONTALAJ ŜANĜAĴOJ

1. "Li multe ________ bonigi la sistemon." Klopodis.
7. "Li ________ la paperon." Apartigis mane.
8. "Eva faris tion por ____." Por Eva. Por neniu alia.
9. "Li anoncis la planon ________." Ŝanĝite.
11. "Tro da subitaj ŝanĝoj ĝenas miajn _____ojn!" Sensil(ojn).
12. "Lia respondo devis esti ________a." Korektit(a)
14. "Tiu tre granda arbo estas _____o."
15. "Ŝi invitis min, __ mi venis!" Sekve.
16. "Ni ________ la planon." Ŝanĝis.
18. "Mi _____os al vi la monon morgaŭ." Send(os) banke aŭ elektronike, tiel, ke kredito ŝanĝiĝas — eble eĉ al deficito!
19. "Ni fosas per fos___o." Sufikso por instrumento.
20. "La kunveno ________ la rezolucion." Ŝanĝis.
24. "Leĝoj ŝanĝos nenion, ĉiu devas ŝanĝiĝi ________!" Interne, en la pensoj, la sentoj kaj deziroj.
25. "La regist___o decidas pri leĝo-ŝanĝoj." Sufikso por grupo.

## VERTIKALAJ ŜANĜAĴOJ

1. "Vi ŝanĝos nenion se vi nur ___as antaŭ la televidilo!" Restas seĝe.
2. "Ili decidis komplete ________ la aspekton de la urbo." Ŝanĝi.
3. "Ĉu ni devas ______i la saman eraron daŭre?" Far(i) denove multfoje la saman aferon.
4. "Ni decidis ________ la saĝulon, por ke li bonigu ĉion." Kaŭzi, ke li ek-estu ĉefo.
5. "La politik___oj helpas aŭ malhelpas ŝanĝon." Sufikso por profesioj.
6. "Post longa ripara laboro, ni ________!" Ripozos hispan-stile.
7. "Ni devas tuj ________ tion!" Gvidi ĝin de la nuna stato al alia.
10. Internacia Vari-defenda Grupigo (mallongigo)
13. "Post ĉiuj reformoj, la lando estos ________!" Perfekta, paradiza.
16. "Via ne taŭgas. Uzu ________." Tiun de mi.
17. "Por esti reformisto, vi devas havi ____on!" Kred(on).
21. "Necesas ŝanĝ___o." Sufikso por deziro aŭ volo.
22. "Romon oni ___ konstruis en unu tago."
23. Sistema Reformo (mallongigo).

**SENDU RESPONDOJN ĜIS LA 31A DE MARTO 1996; EBLE VI GAJNOS PREMION!**



## Deziras korespondi

### Brazilo

Ana Lia Progiante, Rua Almeida Brandão 17-71, BR-17044-060 Bauru (SP). Mi estas 10-jara. Mi ŝatus koni perletere infanojn el aliaj landoj. Mi havas unu fraton kaj fratinon. Miaj hobioj estas legado kaj ludado. Mi restos tre feliĉa se vi sendos leterojn al mi.

Aline Trevas Vsassali, Rua Sana Vilomena 15, BR-36700-000 Leopoldina (MG). 9-jara junulino, korespondos tutmonde. Respondo garantiata.

### Ĉinio

Klaso de 45 infanoj inter 7- kaj 9-jaraj en elementa lernejo Zhongguancun en Pekino serĉas tutmondajn kontaktojn, prepare al granda lerneja E-renkontiĝo en julio 1996. Skribu al la instruisto: Shen Chengru, E-Asocio de Ĉina Akademio de Sciencoj, 52 Sanlihe, CN-10084 Beijing.

### Jugoslavio

Turuc Csilla, Iparos u. 3, YU-24300 Topolya. 12-jara junulino dez. kor. pri ĉ.t. kolektas bild-afiŝojn kaj poŝtmarkojn.

### Svedio

28 gelernantoj eklernas Esperanton kadre de Projekto Gresillon kiu kulminos en vizito al tiu franca E-centro. Ili volonte ricevos kuraĝigajn poŝtkart-salutojn el la tuta mondo: Kaisa Hansen, Klaso 9A Hjulsta skola, Hjulsta backar 6, SE-163 65 Spånga, Svedio.



Teatra spektaklo en Esperanto atendis hungarajn lernantojn el la urbo Pápa, kiam ili en novembro 1994 vizitis Zagrebon.

Lernejanoj jam okfoje vizitis unu la alian en tiu hungar-kroata kunlaboro. Dum la tritaga restado ili vizitis du lernejojn, bestoĝardenon, hungaran kultur-domon kaj la Esperanto-Centron en la strato Amruŝeva, kie ili lernis dancadon kaj kie zagrebaj studentoj prezentis por la gastoj teatraĵon.

Jen aktoro el tiu dramo.

Tiaj interŝanĝaj vizitoj (speciale se inter mal-sam-lingvaj lernantoj) donas bonan kialon lerni Esperanton en lernejoj. Ĉu via grupo havas ali-landajn kontaktojn?

En Kaunas (Litovio) okazadas tradiciaj Zamenhof-festoj, pro la naskiĝ-tago de la iniciatinto de nia lingvo en la 15a de decembro, 1859. Jen kantis kaj deklamis grupo de junuloj el la urbo Marijampole. *(foto: Dalia Liolyté)*



Nia revuo aperos ĝis la Zamenhof-festo en Budapeŝto, kie ni planas arigi la tri redaktorojn de la revuo, por festi la aperon de ĝia 75a numero.

Sed vi ricevos la numeron nur post la Zamenhofa tago. Ĉu vi bele festis ĝin? Sendu al ni raporton!



Supre, Sabina Mrozek geste deklamas la verkon *Avert-lumoj* de E. Mirska. Apude rigardas Bogusia Wycisk, Ania Król kaj Michal Ploszaj, kiu ĵus prezentis *Lingvoj kaj landoj* el la verko *Rimejo* de W. Usakiewicz.




Tiu fest-prezentaĵo, kaj la maldekstra grupo, rezultas el la mult-jara instruada laboro de s-ino Aurelia Sokól (sube). La nomo estas bone konata al legantoj de nia revuo; la nepo Lukasz regule kontribuas kaj partoprenas niajn konkursojn.



*ABC de Esperanto* estas la plej nova kajero de IĈLM. 36-paĝa en granda A4-formato, ĝi prezentas la alfabeton. Ĉiu litero ricevas unu paĝon, kun kolorigenda bildo (iuj de infanoj faritaj) kaj simpla teksto. Oni lernas la kolorojn, nomi interesajn objektojn, bestojn aŭ homojn, kaj starigi kaj respondi demandojn. Ekde la litero N (por nesto) ni uzas la akuzativon (Ni **vidas neston**.) Tuj poste ĉe O, ni **vidas grandan ombrelon**. Skribu al IĈLM (adreso, p.3) por ekscii, kiel akiri la verkon.

**Konkurs-rezultojn** ni ricevis de Artur Doci (Peshkopi, Albanio), Gwenda Sutton (Nov-Zelando/Japanio), Baens Hendrik (Tubize, Belgio), Crancau Adela (7-jara el Baia Mare, Rumanio), Guiu Ioana (15-jara el Timisoara, Rumanio), Slepĉenko Jana (Kurgano, Rusio) kaj Caio Matos (Gov. Valadares, Brazilo). Gratulon kaj dankon. Ĉiu ricevos premion. La promesita ĉef-premio, la duvoluma granda antologio de la Esperanta novelarto *Trezoro* estas juĝita al Guiu Ioana. Ni lotumos ankoraŭ la saman libro-paron el inter respondantoj de konkursoj en la numeroj 95/4 kaj 96/1, do provu!

Desegnis por ni la apudan bildon Tamara Guci el la oka klaso en Novi Becej, Jugoslavio. Libro-premion ni sendos ankaŭ tien!

Novaj kantaroj por infanoj de Ton Verwoerd en Nederlando *Vivu la kanto* kaj *Vivu la vivo* aperis kaj aperos. La unua estas 12-paĝa, la dua estos 36-paĝa kaj kostos 15 NLG. Vi povas antaŭmendi per pago al la konto *tonv-i* kaj skribo al Ton Verwoerd, Luxembourglaan 545, NL-1966 MJ Heemskerk.

Sur paĝo 25 de la antaŭa numero ni prezentis la solan vorton en Esperanto, kiu estas anagramo de si mem ie trovebla. Certe vi komprenis, ke temis pri ŝerco. Anagramo de vorto devas ĝuste esti alia vorto, farita el la samaj literoj en ŝanĝita ordo. La solvo estas ke **Emisiem** estas anagramo de la tri vortoj **si mem ie**.

Estu viaj novjaraj ferioj ĝojaj, kaj plenaj je donacoj, bonvolo kaj bonaj intencoj!



# Asteriks KAJ KLEOPATRA




"Kiun bildon vi plej ŝatas sur la unua paĝo?" demandas Paĉjo, tenante la duan serian volumon: *Asteriks kaj Kleopatra*.

"Tiun, tie!..." respondas Karina, montrante bildon en kiu la egipta reĝino kolere kaj indigne teren batis vazon: "...ĉar tia estas ankaŭ mi!"

Insulton de Cezaro vekis tiu vazeriga tempesto. Por pruvi la grandecon de la egipta popolo, la reĝino kun la elstare bela nazeto ĵuras konstrui mirindan palacon ene de tri monatoj. Nur per superhomaj streĉoj de kelkaj gaŭlaj herooj, katastrofo estos ŝanĝita al triumfo. Necesan forton ricevas la laboristoj de Miraklomiks, sed poste restas magiaĵo en la kaldrono. Karina klarigas plue: "Ĉi tiu granda poto – iu tre forte puŝis ĝin kaj elverŝiĝis... kaj la hundeto Snufiks lekis tiun eliksiron kaj tiam venis la *farkas* (lupo) kaj rapide forkuris, ĉar timis de unu eta hundo!"

Malbonuloj ne mankis por malhelpi la konstruadon. Karina denove: "Tiu pri tio parolas, ke ne estas pli da ŝtono kaj ne plu povas labori." Dum ekspedicio akiri pli: "tre rapide la ŝipoj iras, ĉu mi diru kial? ...Ĉar Obeliks tiras ilin, ĉar tiu estro ne ŝatas iri malrapide."

Por ekscii, kiel la gaŭloj sukcesis liberiĝi el la piramida labirinto, kial la sfinkso perdis duonon de sia nazo, kaj kiel fine sukcesis la bonuloj, vi devos mem legi ĉi tiun amuzan kolore presitan bildstrian libron. Eldonis: Izvori, Zagrebo. Prezo: 16,80 NLG plus sendokostoj. Sesona rabato ekde 3 ekz., triona ekde 10. Mendu de: KEU, Sveti Duh 130, HR-41000 Zagreb, Kroatio.

# ŜANĜOJ en la LEGANTARO

En la lastaj ok jaroj la legantoj de *Juna amiko* multe ŝanĝiĝis. En 1987 ni havis multajn legantojn en Rusio, Hungario kaj en centra kaj orienta Eŭropo, sed tre malmultaj aliloke. Inter 1987 kaj 1993 la nombro de abonantoj falis, sed la nombro de landoj saltis de 30 ĝis 82, — ĝi ŝanĝiĝis la vere tutmonda revuo.

Ni prezentas grafikaĵon. Tio estas diagramo. Ĝi montras la ŝanĝojn de jaro al jaro en la abon-nombro en deko da landoj. Horizontale (⇒) ni indikas jarojn, vertikale ( ⇑ ) la nombron da pagintaj abonantoj.

Ni prezentas la dek landojn kun la plej granda nombro da abonantoj en 1995 laŭvice, kaj vi vidas, ĉu ili antaŭe havis pli aŭ malpli. Al la afrika agado (Togo) kaj Brazilo ni aparte gratulas. Kelkaj landoj ekster la supera dek meritas laŭdan mencion: En Nederlando, Makedonio, Ĉeĥio kaj Finnlando novaj perantoj ek-aktivis kun bonaj rezultoj.

La nombro de plentarifaj abonantoj kreskis de 450 en la lastaj du jaroj ĝis 500, dum la pagintoj sume altiĝis de 933 al 963 kaj 1140 tra la lastaj tri jaroj.




**Rol-ludo (3): Ni ŝanĝu la donacon!**

**Vi ne tre bone vidas kaj devas porti fortajn okulvitrojn. Do, vi malfacile legas kaj ne povas ĝui televidon aŭ komputilajn ludojn. Vi ne povos ŝofori aŭton, kiam vi estos plenkreska. Vi eĉ ne kuraĝas bicikli, ĉar eble vi ne vidos obstaklon kaj akcidentos. Sed vi estas bonkora kaj amema homo. En la mondo vi plej ŝatus havi hundon — eĉ se vi devus dividi ĝin kun du gefratoj. Oni ŝanĝu la puloverojn kontraŭ karesinda kaj kara hundideto!**

# Ekzameneto pri ŝanĝoj

Ĉu vi sukcesas trakti la ŝanĝojn en via vivo? Tre malfacile estas adaptiĝi al ŝanĝoj. Kelkfoje necesas transformi vian pensmanieron. Nu, ver-dire, nia ekzameneto ne mezuros kiom sukcese kaj flekseble vi toleras vivo-ŝanĝojn. Sed ĝi ja pruvos, kiom-grade vi kapablas trakti ŝanĝojn je gramatika nivelo! Sendu al ni viajn solvojn, premiojn povos gajni la junaj sukcesaj ŝanĝumintoj!

En la suba rakonto estas 15 spacoj. Ni donas 15 vortojn, ili ĉiuj estas derivaĵoj de la verbo ŝanĝi. Vi devas skribi ĉiun vorton en la ĝustan spacon.

*ŝanĝanta, ŝanĝinto, ŝanĝitan, ŝanĝoj, ŝanĝemo, ŝanĝita, ŝanĝiĝis, ŝanĝado, ŝanĝitaj, ŝanĝo, ŝanĝi, ŝanĝigi, ŝanĝojn, ŝanĝotaj, ŝanĝis.*

La estraro de la kompanio volas __________ (1) la regularon. En ĉiu estrarano bobelis la __________ (2). Sed mem ili ne kapablis. Ili serĉos juriston, kaj pere de tiu ili povos __________ (3) ĝin.

La juristo studis la tekston. "Ĝi bezonos dudek __________ (4). Tiu __________ (5) daŭris du monatojn kaj kostoj ducent kronojn." En aprilo li eklaboris, frue en majo li estis ankoraŭ __________ (6) la regularon. Tiam, li proklamis: "Mi faris precize duonon de la __________ (7). Dek reguloj estas __________ (8) kaj dek __________ (9)."

Fine de majo ĉio estis preta, kaj li anoncis, ke la tuta regularo estas __________ (10). Ĉiu ĝojis, kaj akceptis ĝin unuanime. Sed la juristo tiam anoncis: "La prezo __________ (11)! Pro inflacio mi petas ducent kvindek kronojn!" Tio __________ (12) la etoson! Ĉiu protestis, sed la juristo diris: "Legu la dudekan __________ (13) regulon: 'Ĉiujn jurajn kostojn oni altigas pro inflacio'!"

Ili grumblis sed pagis al la __________ (14) de la regularo. Ĉiu ege ĝojis pro ĝi (krom tiu lasta __________ (15) )!

# Ni ŝanĝu la mondon!

"Nu, kiam mi estos tridek-jara, en la jaro 2003, tiam eble ĉio okazos alie. Ĉar ĉio ja ŝanĝiĝas kun la paso de la tempo. Estas dubeble, ĉu tiam ankoraŭ ekzistos la bela naturo. Ĉu tiam ankoraŭ ĉio ekzistos, pri kio ni nun ĝojas? ... Ĉiukaze, jam hodiaŭ mi scias, ke neniam mi perdos la kuraĝon esperi pri bona estonto."

*verkis 14-jara knabino el Hinterzarten, Germanio.*

El *Infanoj skribas pri sia estonteco* de Margitta Meinerzhagen. Eldonejo: Rasch kaj Rohring,Hamburgo. Tradukis kaj sendis laŭ permeso de la eldonejo: Nora Caragea.

La estontecon ni mem konstruas kune! Pensu, kion ni devus ŝanĝi:

❶ Kiuj estas la kvar plej grandaj problemoj en la mondo? Kion ni ŝanĝu por pli bone kaj pli juste solvi tiujn problemojn? (Por helpi vin, sube aperas sugestoj. Sed, ve, la Fantoma Stampisto miksis la literojn!)

❷ Kiuj estas la kvar plej grandaj problemoj en via lando? Kion viaj sam-land-anoj ŝanĝu por pli bone kaj pli juste solvi tiujn problemojn?

❸ Imagu, ke vi ek-estos la estro de via propra lernejo. Skribu la lernejajn regulojn, kiujn vi ŝanĝus. Verku la novan regularon! Komparu kaj diskutu viajn ideojn kun aliaj klasanoj!

❹ Kiuj estas la reguloj en via familio? Ĉu ĉiam vi ĝojas en via familia rondo? Ĉu ion vi ŝanĝus en via familio? Kion? Ĉu viaj ge-patroj konsentus, pri viaj ŝanĝoj? Se vi mem estonte estos patro aŭ patrino, ĉu vi permesos al viaj infanoj la ŝanĝitan vivon, kiun vi mem volas ĝui?

❺ Nov-jare homoj ofte promesas fari ŝanĝojn en sia vivo, kaj promesas akcepti novjarajn rezoluciojn. Kiujn vi faros?

**GRAVAJ ŜANĜ-END-AĴOJ EN LA MONDO**

(sed kun miksitaj literoj)

TOLIMI
SLATAMO
ULOPO
ELANCEBORSO
ONAFLACEBAT
ALCUNAKEJREB JOMANLAS
GJAVNIL JORAB

Se vi neniel sukcesos ŝanĝi kaj bonigi vin mem per novjaraj rezolucioj, konsolu vin per jena aforismo el *Graffiti, Sprüche aus der Szene:* (tradukis József Németh)

**NENIU ESTAS SEN-UTILA. ONI POVAS ROLI ALMENAŬ KIEL MALBONA EKZEMPLO!**

Enlanda prezo: 50 HUF (kun livero 75)




Ho, kia festo pro nia 75a numero! Kaj post kelkaj momentoj, via ekzemplero de tiu numero ŝanĝos sian staton, ne plu legata, jam legita! Restas nur deziri agrablajn jar-ŝanĝajn salutojn. Decidu nun viajn nov-jarajn rezoluciojn por fari en via vivo pozitivajn ŝanĝojn — plibonigojn! Unu el ili estu promeso re-aboni nian revuon kaj sendi almenaŭ unu kontribuajon — pri aŭ malpri niaj temoj. Alia estu partopreni februare en la nova AGO-TAGO por INFANOJ kaj sendi al ni raporton pri ĝi!

**Kaj fine, jen nia adiaŭa kaj tema salut'!**

**ŜAN ĜIS!**